# juna amiko

N-ro 73
95/2

**Internacia Kvaronjara Lernejana Revuo en Esperanto**




al dorskovrilo ➤

**F**eliĉu! Abundan menuon ni proponas! Sur la kovriloj, revenis desegnaĵoj de Pavel. Plurajn pli vi trovos, eĉ tiajn, kiuj en la mezaj paĝoj pensigos kaj diskutigos vin. Revenis desegnisto Esperantina.

**R**ubriko nova kaj ekde nun regula aperas apude, speciale por junaj lernantoj kaj niaj veraj komencantoj. Ni ekde 1996 eble aldonos kvar paĝojn por tio.

**A**bunda porcio da dialogoj malkovreblas tra la numero. La unuaj tre simplaj kaj mallongaj, eĉ la lastaj ne komplikaj. Aktoru ilin — ĉu lege, ĉu improvize!

**N**i ne volas detrui vian apetiton per la novaĵo, ke por 1996 ni verŝajne devos altigi la abonkotizojn por *Juna amiko*, pro niaj pli kaj pli altaj kostoj.

**D**olĉaĵon ni sekve proponas. Se vi abonos ĝis 30a sept. 95 por 1996, vi rajtos pagi laŭ la nuna tarifo! Vidu paĝon 29 por detaloj!

**U**zu bone la numeron! Ĝi havas multajn facile digesteblajn pladojn; frandu ilin unu post unu! Respondu niajn konkursojn kaj proponu temojn por 1996!

Bonan apetiton deziras
Via redaktoro



Stefan MacGill
28 junio 95


**Juna amiko**
**Eldonas ILEI. Aperas kvarfoje jare.**

**Abonprezo:**
Internacie ĉe UEA: 16 NLG. Ĉe la kasisto de ILEI 60 SEK: B. Andreasson, Södra Rörum pl. 455, SE-242 94 Hörby, Svedio, pĝk. 682117-7 Stokholmo.

Perantoj en 30 landoj akceptas kotizojn en naciaj valutoj, ekz. 9 USD, 14 DEM, 5 GBP, 45 FRF, 800 ESP, 1000 JPY, 55 NOK, ktp. Validaj por 1996 ĝis 30 sept 95!!

Latinamerika tarifo: 8 NLG. Pli favoraj regionaj tarifoj laŭ pagipovo. Rabatoj ĝis 50% por pakajaj mendoj. Vidu numeron 94/3 por plenaj informoj. Specimeno petebla de la redakcio (vidu sube). En Hungario jarabono kun poŝta livero: 240 HUF, pagebla al la nova peranto Mónika Molnár aŭ en la klubejo 'Esperejo'.

**Anonc-tarifoj:**
Kvaronpaĝo: 40 NLG aŭ 4 jar-abonoj en aliaj okcidentaj valutoj. 900 HUF enlande. Duonpaĝo: 60 NLG. aŭ 6 jarabonoj. 1400 HUF. Tuta paĝo: 800 HUF 80 NLG aŭ 8 jarabonoj. 1920 HUF

Korespondpetoj kaj anoncetoj rilate al E-instruado aperas senpage. Por aliaj 1 NLG, 1 irpk aŭ 60 HUF linie.

**Kontribuaĵoj bonvenaj:**
Laŭeble tajpita klare kun nigra-blanka akompana ilustraĵo. Livero sur komputila disko bonvena (plej bone por Winword)

Junaj legantoj el ne- kaj ne-tro-pagipovaj landoj, kies kontribuaĵon ni aperigos, ricevos senpagan jarabonon. Ĉiu ricevos senpagan aŭtoran ekzempleron.



Redaktoro:
Stefan MacGill
Adreso: Juna amiko,
pf. 193, HU-1368 Budapest
Hungario

ISSN 0230 1318

*Juna amiko* anoncas novan kunlaboron kaj novan rubrikon, kun titolo *Infanoj Ĉirkaŭ la Mondo.* Tiu organizo ligas infanojn de 5- ĝis 10-jaraj el ĉiuj mond-partoj. Dum pluraj jaroj ĝi eldonis bultenon kun verkoj de infanoj kaj kantoj. Ni aperigos materialon el ĝi. Se vi volas esti unu el la *Infanoj Ĉirkaŭ la Mondo,* skribu al la suba adreso por havi informojn pri iliaj projektoj, libretoj, son-kasedoj, ktp, ktp.!

INFANOJ ĈIRKAŬ LA MONDO

KUNLIGU LA NOMOJN KUN LA DESEGNOJ.



telero
buŝtuko
tablotuko
tranĉilo
kruĉo
glaso
forketo
kulero
botelo
tablo

Por kio oni uzas ĉiujn el tiuj objektoj?

Klaso de S-ino Antonietta DANI
Lernejo Gualandi, Bologno, Italio


IĈLM

3876
Belmont
Ave.
San Diego
CA 92116
Usono

tel.
(619)
281-0691


Sur la sekva paĝo vi povos trovi kanton, unu el dek du en la IĈLM kasedo *Kantu Esperante kun Janico kaj Johano.*

⇨

# Ruĝa pomo



Poeto nekonata: franca melodio:

"*Frère Jacques.*"









II

1. Nigra kato, nigra kato
2. Estas ĝi. Estas ĝi.
1. Kato estas besto. Kato estas besto.
2. Besto, jes. Besto, jes.

III

1. Blua tablo, blua tablo
2. Estas ĝi. Estas ĝi.
1. Tablo estas meblo. Tablo estas meblo.
2. Meblo, jes. Meblo, jes.




Desegno de Tamara Marshall, aĝo 9.

*Ĉu vi ŝatas pomojn? Kie kreskas pomoj? Kie eblas aĉeti ilin?*
*Kiuj pomoj estas pli bongustaj — grandaj aŭ malgrandaj?*
*Kiuj pomoj estas plej bongustaj — verdaj, flavaj aŭ ruĝaj?*
*Kiujn fruktojn vi ŝatas pli ol pomojn? Kaj kiujn malpli?*
*Kiujn fruktojn vi plej ŝatas? Ĉu iujn fruktojn vi ne ŝatas?*

KANTU KUN LA PAPAGO.




De Klaudia Buniak, aĝo 11
Klaso de Urŝula Mokrzycka
Lernejo Biedrzychowice
Opole, Pollando

Demandoj Kaj Respondoj!

D. Kio estas tio?
R. Tio estas strigo.
D. Jes, ĝi estas bruna strigo.



de Sonia Wallez, aĝo 7
Klaso de Sinjorino Petrineto,
Abidjan, Ebura Bordo

## *Du naŭ-literaj vortoj por trovi!*

## KION MI MANĜAS?

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | | | | |

1. Mia unua estas en salo kaj ankaŭ en sandviĉo.
2. Mia dua estas en banano sed ne en bombono.
3. Mia tria estas en oranĝo, citrono kaj limono, sed ne en ĉerizo.
4. Mia kvara estas en pudingo, kaj ankaŭ en deserto.
5. Mia kvina estas en olivo, sed ne en ĝia folio.
6. Mia sesa estas en vino kaj biero, sed ne en teo aŭ kafo.
7. Mia sepa videblas komence de ĉokolado, sed fine de pasteĉ'.
8. Mia oka aperas, finfine, en ĉiu manĝaĵo.
9. Mia naŭa troveblas pli ofte en ananaso ol en anaso.

## KION MI TRINKAS?

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | | | | |

1. Mia unua estas en lakto sed ne en sukero.
2. Mia dua estas en pizo, sed ne en karoto.
3. Mia tria abundas en marmelado, sed tute ne en konfitaĵo.
4. Mia kvara estas en kafo, teo kaj kakao.
5. Mia kvina estas en viando kaj pano, sed ne en fromaĝo.
6. Mia sesa estas en pato, sed ne en poto.
7. Mia sepa estas en plado, sed ne en pleto.
8. Mia oka estas en bongusta, sed ne en malsata.
9. Mia lasta estas en endivio sed ne en laktuko.

**Sendu la du enigmo-vortojn sur poŝtkarto kaj sendu ĝin al ni ĝis la 15a de oktobro. Konkursantoj malpli ol 15-jaraj, kiuj bone respondis, partoprenos en loterio kaj povos gajni la unuan aŭ trian kajeron de *Tendaraj tagoj*. Skribu sur la poŝtkarto, kiun vi preferos!**

# DIALOGU PRI MANĜOJ!

Aktoru la sekvajn scenojn! Unue, laŭtlegu la tekston. Ripetu ĝin kun aliaj aktoroj, kaj petu aliajn manĝaĵojn kaj trinkaĵojn. Laste, formetu la gazetojn, kaj libere aktoru la scenojn, eble kun aliaj manĝaĵoj kaj trinkaĵoj.

## Dialogo unu:

**Sceno:** *Johano kaj Maja alvenas al bufedo.*



**Bufedisto:** Bonan tagon, kion vi deziras?
**Maja:** Mi deziras kukon. Framban kukon.
**Johano:** Mi deziras biskviton. Ĉokoladan.
**Bufedisto:** Ĉu vi deziras trinki ion?
**Maja:** Ho, jes. Limonadon, mi petas.
**Johano:** Limonadon? Ne, mi preferas teon.
**Bufedisto:** Bone. Ĉu ankoraŭ ion?
**Maja:** Ne, dankon. Jen ĉio!

*Petu aliajn manĝaĵojn: bulkon, sandviĉon, hamburgeron, torton, glaci-kremon...*
*Petu aliajn trinkaĵojn: frukto-sukon, kafon, lakton, mineralan akvon, kolaon...*

## Dialogo du:

**Sceno:** *Modesta sed agrabla restoracio. Gesinjoroj Bluĝino envenas kaj sidiĝas. Kelnero alvenas kaj donas al ili menuojn:*

**Kelnero:** Bonan vesperon, gesinjoroj. Kion vi deziras trinki?
**S-ino Bulĝino:** Kolaon, mi petas, kaj por vi, kara?
**S-ro Bluĝino:** Mi deziras bieron, dankon.
**Kelnero:** Do, unu kolaon kaj unu bieron, bone. Kaj por manĝi?
**S-ro Bluĝino:** Ĉu vi sukcesas elekti ion?
**S-ino Bluĝino:** Jes. Mi deziras rostbifon kun pizoj kaj terpomoj.
**Kelnero:** Bone, kaj por vi, sinjoro?
**S-ro Bluĝino:** Mi preferas la fiŝon, kun karotoj kaj rizo.
**Kelnero:** Tre bone, kaj por deserto?
**S-ro Bluĝino:** Tion ni decidos poste, dankon!
**Kelnero:** Tre bone, mi tuj portos viajn trinkaĵojn!



*Ŝanĝu la nomon de la paro kaj la manĝaĵojn kaj trinkaĵojn:*

***Trinkaĵoj:*** *frukto-suko (poma, pira, oranĝa, framba, ananasa, persika, fraga, abrikota...) lakto (ĉokolada, framba...) vino (ruĝa, blanka, seka, dolĉa...)*
***Manĝaĵoj:*** *pork-vianda raguo kun brasiko; panumita fromaĝo kun terpoma pureo; viand-buloj kun spagetoj; ŝafaj ripoj kun pastanakoj kaj rizo; funga kaj kukurba pasteĉo; rostita maizo kun butero; laktuka, kukuma kaj tomata salato.*

# KION MANĜAS SUMIKO MATENE?




desegnis E. Mirska/P. Rak

Renkontu tri amikojn. Kristin venas el Brazilo. Ŝi ŝatas vel-breti. Sumiko venas el Japanio. Ŝi ŝatas faldi paperon kaj aranĝi florojn. Vulf venas el Germanio. Li ŝatas manĝi. Ĉiuj tri ŝatas manĝi, sed Vulf pli ol la aliaj. Rigardu la bildojn por scii, kion ili ŝatas manĝi.

1. Kion kutime manĝas Kristin matene? ...Sumiko? ...kaj Vulf?
2. Kiu el la tri matenmanĝoj estas plej saniga? Plej malsaniga?
3. Kiu el la tri matenmanĝoj estas por vi plej bongusta? Plej neinteresa?
4. Kion kutime manĝas Kristin tagmanĝe? ...Sumiko? ...kaj Vulf?
5. Kiu manĝas ovon? Kiam ? Kiu manĝas glaci-kremon? Kiam?
6. Kiu manĝas malmultan viandon? Kiu manĝas multan viandon?
7. Kiuj ne trinkas alkoholon? Kiu ja trinkas alkoholon?
8. Kiu el la tri personoj kutime manĝas plej sanige? Kiu malplej?
9. Kiu el la tri manĝ-kutimoj plej plaĉas al vi? Kiu malplej plaĉas?

## ESTU TELEVIDA INTERVJUISTO !

Unu homo en via grupo estu televida intervjuisto. La temo de via programo estas: *'Kion vi kutimas manĝi matene?'* Vi demandas la preter-pasantojn en internacia turisma loko. Unue venas Kristin. Due Sumiko. Laste Vulf. Aliaj grupanoj prenu iliajn rolojn. Poste inventu aliajn personojn. Decidu iliajn nomojn, el kiuj landoj ili venas, kion ili ŝatas fari, kion ili manĝas kaj kion ili diros.

Faru proprajn intervjuojn inter viaj grupanoj. Jen eblaj demandoj: Kion vi manĝis hodiaŭ matene? Kion vi kutime manĝas en semajna mateno? Kaj en semajnfina mateno? Kiujn manĝaĵojn vi malŝatas aŭ abomenas? Kiujn vi plej ŝatas? Kion vi manĝos ĉi-vespere?

## PRETIGU SON-INTERVJUON!

Iuj lernantoj (kun aŭ sen la instruisto, aŭ kelkaj lernantoj hejme) registru per son- aŭ vid-kasedilo intervjuojn unu kun la aliaj. Starigu kaj respondu la suprajn demandojn. La intervjuitoj povas esti la grupanoj mem, aŭ ili povas esti inventitaj roluloj el foraj landoj. En la posta leciono, ludigu la kasedon al la tuta grupo. La lernantoj devas zorge aŭskulti, kaj skribe noti la nomojn kaj landojn de la intervjuitoj, kaj kiujn manĝojn ili ŝatas kaj ne ŝatas. Poste kontrolu, kiom lerte oni povas aŭskulti kaj kompreni!

# Dialogo kaj du poemetoj

*Sceno: S-ro Furto servas en rapid-manĝejo.*




**Franko:** Kion vi deziras?
**Suzana:** Hamburgeron, mi petas.
**Franko:** Simplan aŭ duoblan?
Suzana: Kiom kostas duobla?
**Franko:** Ĉi-semajne estas rabato. ĝi kostas nur 299 forintojn. Kutime kostas 350. Vi ŝparas 51 forintojn!
**Franko:** Bone, do, duoblan.
**Franko:** Ĉu kun ekstra mustardo?
**Suzana:** Ne, prefere kun tomata saŭco.
**Franko:** Ni havas specialan rabaton pri fritoj. Se vi pagos normalan porcion, vi ricevos grandan; se vi pagos grandan, vi ricevos gigantan. Se vi pagos gigantan, vi ricevos kolosan. Se vi pagos kolosan...
**Suzana:** Ĉu vi ne havas malgrandajn porciojn?
**Franko:** Ne. Neniam. Malpermesate!
**Suzana:** Do mi pagos normalan...
**Franko:** ...kaj ricevos grandan. Saĝa elekto.
**Suzana:** Kaj por trinki — oranĝ-sukon mi petas.
**Franko:** Ho, se vi aĉetos du, vi ricevos senpage ĉi tiun amuzan sun-ĉapon. Certe en ĉi tiu varmo vi tre soifas.
**Suzana:** Fakte. Mi aĉetos du sukojn.
**Franko:** Bonege. Sume, mi petas... 299 plus 39 plus 99 plus dufoje 59... kvincent kvindek kvin forintojn.
**Suzana:** Ho! Kvincent ne sufiĉas?! Jen mil!
**Franko:** Dankon. Mi redonas 455 forintojn.

**Suzana:** Strange! Mi ricevis tiom da rabatoj, specialaj ofertoj kaj ŝparoj — tamen mia monujo tuj malpleniĝas!



**Ne bona la klimat'**
**Por verkad' kreiva**
**Se pendas peza fat'**
**Pro la task' lesiva!**

| |
|---|
| klimato: etoso<br>kreiva: imag-plena<br>fato: sorto, destino<br>lesivo: likva sapo. |

# Fromaĝon, mi petas!



**Kelnero:** Bonan tagon. Kion vi deziras?
**Gasto:** Ĉu vi havas fromaĝon?
**Kelnero:** Jes.
**Gasto:** Donu al mi glason da fromaĝo.
**Kelnero:** Glason da fromaĝo?
**Gasto:** Jes.
**Kelnero:** Vi celas pecon da fromaĝo, ĉu ne?
**Gasto:** Ne, mi deziras glason da fromaĝo.
**Kelnero:** Ni ne havas glasojn da fromaĝo.
**Gasto:** Do, kion alian vi havas?
**Kelnero:** Ni havas salatojn, raguojn, supojn...
**Gasto:** Bone! Portu al mi pecon da supo!
**Kelnero:** Pecon da supo?
**Gasto:** Jes.
**Kelnero:** Vi celas — teleron aŭ bovlon da supo, ĉu ne?
**Gasto:** Ne, mi deziras pecon da supo.
**Kelnero:** Pardonu, sed mi ne povas doni al vi pecon da supo.
**Gasto:** Hmm. Do, kiujn trinkaĵojn vi povas proponi?
**Kelnero:** Limonadon, teon, kafon, vinon, bieron...
**Gasto:** Bone! Portu al mi teleron da biero!
**Kelnero:** Teleron da biero?
**Gasto:** Jes.
**Kelnero:** Vi celas — glason da biero, ĉu ne?
**Gasto:** Ne, mi deziras teleron da biero.
**Kelnero:** Pardonu, sed mi ne povas doni al vi teleron da biero.
**Gasto:** Ve! Kion alian vi povas proponi?
**Kelnero:** Ni havas kolbasojn, legomojn, fiŝojn, omletojn, fromaĝon...
**Gasto:** Bone. Portu al mi glason da fromaĝo!

Aktoru la dialogon en via grupo. Provu fari ĝin sen la teksto. Ŝanĝu la manĝaĵojn, trinkaĵojn kaj ujojn, kiujn la malfacila gasto petas. Ekz:

taso, glaso, telero, poto, bovlo, sitelo, korbo, sako, trogo... **...da...**
sukero, supo, terpomoj, teo, bananoj, bifsteko, suko, fritoj...

# 'Unu' eraro en la luksa restoracio

**Skeĉo por tri personoj.**

*(Paro finas abundan manĝon ĉe kandele lumigita tablo)*

**Kelnero:** Gesinjoroj, mi esperas, ke vi ĝuis la manĝon.
**Luiso:** Jes, koran dankon, ĉio estis eminente bona.
**Amanda:** Gratulojn al la kuiristo!
**Kelnero:** Ĉu vi deziras kafon?
**Luiso:** Ne, la konjako estis sufiĉa. Bonvolu porti la fakturon.
**Kelnero:** Ĝi estas preta. Jen!
**Luiso::** Dankon *(li rigardas ĝin, forrigardas)* **Jaj!!!** *(rerigardas pli zorge)* Glut! Hm. Amanda, ĉu vi hazarde kunportis vian monujon?
**Amanda:** Mi? Ne. Ni konsentis, ke vi portos vian. Ĉu vi havas ĝin?
**Luiso:** Jes, mi havas ĝin, sed... sed... ho, ve!



**Amanda:** Vi iom paliĝis, kara. Ĉu vi tro manĝis?
**Luiso:** Mi timas, ke jes! Eĉ ankaŭ vi! *(Al la kelnero)* Kelnero, ĉu vi akceptas kredit-kartojn?
**Kelnero:** Nu, tio dependas de ĝia marko.
**Luiso:** Mi havas tiun pluŝ-karton. *(Li montras ĝin)*
**Kelnero:** Mi bedaŭras, sed ĝi jam ne plu estas valida, rigardu la daton.
**Luiso:** Ho, ve. Kion pri ĉi tiu karto de la Rabo-banko?
**Kelnero:** Mi kontroligos ĝin per nia komputileto. Momenton, sinjoro.
**Amanda:** Montru al mi dum momento tiun fakturon!
**Kelnero:** *(revenas)* Mi bedaŭras, sed via konto havas deficiton.
**Luiso:** De... de... fi... **FI**! Jes ...la elektronika krajon-akrigilo. Jen kaĉo!
**Amanda:** Momenton, kelnero, ni rekontrolu la fakturon: supo 12, antaŭmanĝo 15 kaj 10, ĉef-pladoj 60 kaj 55, pano 1,111, konjako 20 kaj 20. Ŝajnas en ordo ...do ..do. **Kio!?** Mil cent dek unu kronoj por unu pan-tranĉo!??
**Kelnero:** Ho, montru al mi. *(Li legas ĝin)* Ho, gesinjoroj, mil pardonojn. Mil cent dek unu pardonojn! Mi komprenas, kio okazis. La klavaro de

nia komputileto malbone funkcias, ĝuste la klavo 'unu'. Ĝi estas gluema. Devas stari 'unu' kaj ne 'mil cent dek unu'.

**Amanda:** Do, nun mi komprenas, kial vendistoj diras, ke komputiligo de kompanio altigas profitojn!

**Kelnero:** Refoje dek mil pardonojn. Mi tuj vokos ripariston.

**Amanda:** Unue, bonvolu rekalkuli nian fakturon!

**Kelnero:** Kompreneble. Tuj. La sumo estas ... 193 kronoj, kaj ne 1303.

**Luiso:** Bone, jen 200. Konservu la ŝanĝ-monon.

**Kelnero:** Koran dankon, gesinjoroj. Refoje mi humile pardonpetas. Bonvolu veni denove al nia restoracio!

**Luiso:** ...se mia koro eltenos!

smg

* * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * *

# Duboj en la fabrika manĝejo

***Dialogo por du fabrik-laboristoj***



**Feri:** Kion vi elektis?

**Forĝi:** Pork-viandan raguon kun nudeloj. Kaj vi?

**Feri:** Kokin-viandan supon kun buloj.

**Forĝi:** Sed niaj manĝoj estas samaj.

**Feri:** Vi pravas. Ili estas tro maldensaj esti raguo.

**Forĝi:** Kaj tro densaj esti supo.

**Feri:** Gustumu mian viandon. Kaj mi vian.

**Forĝi:** *(maĉ! maĉ!)* Jes, ili estas samaj. Tute samaj!

**Feri:** Krome, la viando estas tro malmola esti porko.

**Forĝi:** Ankaŭ tro malmola esti kokino. Ni kontrolu, ĉu la kuiristo lastatempe perdis siajn botojn!

**Feri:** Kaj la blankaj objektoj — ili estas nek nudeloj, nek buloj.

**Forĝi:** Ĉu ili estas nudeloj, kiuj kungluiĝis?...

**Feri:** ...Aŭ buloj, kiuj disfalis? *(maĉ! maĉ! maĉ!)*

**Forĝi:** Ĉu ni prenu deserton poste?

**Feri:** Ne. Mi ne kuraĝas!

smg

* * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * *

# Kulinaraj komencoj kaj finoj

Kulinara? Kion signifas? Ĉion, kio rilatas al kuirado, manĝoj kaj trinkoj. Sed ne pri komencoj kaj finoj de manĝoj vi devas pensi, sed la komenco kaj fino de la sekvaj frazoj. Parigu ilin!

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1. | Oni manĝas supon per... | A: | forko |
| 2. | Mi trinkas kafon kun... | B: | taso |
| 3. | Donu omleton sen tro da... | C: | tranĉilo |
| 4. | Oni trinkas teon aŭ kafon el... | Ĉ: | fingroj |
| 5. | Oni manĝas spageton per... | D: | kulero |
| 6. | Azianoj manĝas rizon per... | E: | pipro |
| 7. | Iujn etiopiajn pladon oni manĝas per... | F: | glaso |
| 8. | Oni trinkas sukojn kaj limonadon el... | G: | sukero |
| 9. | Por bifsteko necesas uzo de... | Ĝ: | bastonetoj |

********************************

# Kulinaraj anagramoj

Anagramo? Kion signifas? Du vortoj, kiuj enhavas la samajn literojn, estas anagramoj, ekzemple: *portu* kaj *trupo*.

Sekvas vortoj pri manĝado, el kies literoj vi povas formi anagraman vorton. Ni donas indikon pri la signifo de la trovenda vorto:

1. karoto (korpoparto)
2. pizo (fermilo)
3 piro (korpa osto)
4. frago (nobelulo)
5. kolbas' (baras)
6. vori (ne-ino)
7. viando (meblo)
8. persiko (komenco de aer-enpreno)
9. nudel' (komence de la semajno)
10. terpom' (enakvigo)
11. apetit' (meti mur-paperon)
12. protein' (iu, kiun oni forkondukis)
13. mustardo (atakado)
14. pastanako (preteriro de milita veturilo)

********************************



**Kliento:** Estas muŝo en mia supo!
**Kelnero:** Silentu! Alie ĉiu deziros similan!

**Kliento:** Estas muŝo en mia supo!
**Kelnero:** Ne gravas, ĝi ne fortrinkas multon!

## Adicia Enigmo!

La sekva enigmo komenciĝas per tri-litera vorto kun ligo al nia temo. Por trovi la postan vorton, vi devas aldoni unu literon kaj reordigi la ceterajn. Sendu la rezulton ĝis la 31a de oktobro por ricevi premion.

vidu paĝon 24.

1. □□□
2. □□□□
3. □□□□□
4. □□□□□□
5. □□□□□□□
6. □□□□□□□□

1. Manĝaĵo produktita de kokino.
2. Granda kornohava besto, bredata por viando
3. Kio utilas por malvarmigi supon.
4. Objekton, en kiu ni verŝu supon.
5. Afabla vorto ĉe manĝo-tablo.
6. Kio okazas kuireje, se ripete la kuiristo neglektas siajn potojn. (kunmetita vorto: 3+5)

## KION PREZENTAS LA FIGURO?



Meksikano fritas ovon.



Ovegon fritas meksikaneto.



Meksikano fritas du ovojn.



Du meksikanoj fritas unu ovon.



Kvar meksikanoj fritas du ovojn en hom-plena aŭtobuso.



Meksikaneto fritas du ovegojn.



Binoklo por pli bone vidi meksikanojn kaj ovojn

## Honesta rekomendo!

Kliento: Mi volas abunde, lukse, rapide kaj malmultekoste manĝi. Kion vi rekomendas?
Kelnero: Alian restoracion!

# Tablo ĉe la supro de la mondo!

**Kiuj sidas privilegie ĉe la tablo?**
**Por kiuj ne restas loko?**



desegnis Pavel Rak

Kion vi vidas en la apuda bildo? Kiun ideon aŭ mesaĝon la bildo prezentas?

En kiuj partoj de la mondo homoj manĝas pli multe? Kie ili manĝas malpli multe? Kial okazas tio?

De kie venas manĝaĵoj? Kiuj homoj devas labori, por ke ni ricevu la manĝojn?

La plimulto el ni aĉetas manĝaĵojn en butikoj. Kiuj devis labori kaj kiel alvenas la sekvaj manĝoj al butiko?
— terpomoj, lakto, bananoj, kolbasoj, ovoj, vino, rizo,
— bifsteko, pano, frostigita pico, pizoj en lad-skatolo,
— fiŝ-fingroj, fromaĝo, fungoj, frostigita TV-manĝo.

Se vi studas en kurso, formu grupetojn, dividu la manĝojn inter vi, diskutu la demandon kaj raportu viajn respondojn al la tuta kursanaro.

**Kion ne manĝas vegetarano? hinduo? judo? katoliko?**
**Kie en la mondo oni manĝas multajn terpomojn? rizon? spageton? maizon? fiŝojn? kimĉion?**
**Kie oni manĝas ion, kiun vi nek manĝas nek manĝus?**
**Kie oni produktas teon? kafon? vinon? kasavon?**
**Kie oni multe trinkas vinon? bieron? vodkon? sakeon?**
**Kiuj manĝoj estas pli sanigaj? Kiuj estas malsanigaj?**
**Kio okazas, se oni dum multaj jaroj tro multe manĝas?**
**Kio okazas, se oni dum multaj jaroj malsufiĉe manĝas?**
**Kiuj estas la ĉefaj reguloj por saniga manĝado kaj trinkado? Ĉu vi kutime obeas tiujn regulojn?**

Kiom da homoj (proksimume) vivas sur nia terglobo?

Ĉu en la mondo ni entute produktas sufiĉajn manĝojn por ĉiuj homoj sur la tero?

Kial en partoj de la mondo homoj malsatas?

Kion faras sciencistoj kaj farmistoj por helpi al ni kreskigi pli da manĝoj? Kiuj aliaj devas kaj devus helpi?

Kion ni devus fari, kiam homoj malsatas ie pro inundoj, sekeco, tertremo, katastrofo aŭ milito?

Kion ni devus fari por ke neniam plu estu malsataj infanoj kaj homoj en la mondo?

## Itala truko...

Kunvenegon planis ni
Spageton mi preparis
Ĉe forn' elanis mi
Pri kvantoj ne avaris

Sed nuliĝis la aranĝ' –
Mi taksis proksimume
El spaget' por festa manĝ'
Dek tunoj restis sume.

Ĉiutage manĝis mi
Da kilometroj tri
Ĝis ne eblis pli.

Ekde morgaŭ mi ekstrikos
Ĝin ne forĵetos mi
Mi veŝton el ĝi trikos!

**...utila triko!**

smg

**Mi pizojn kun mielo maĉas**
**eĉ denaske, kvankam aĉas.**
**Jes, la gust' groteskas**
**Sed ili... sur la forko restas!**

I eat my peas with honey
I've done it all my life
It makes them taste damn funny
But they do stay on the knife!

**Ogden Nash**
**Tradukis: smg**




**Mi lakton multe trinkas**
**El botelo rekte**
**Tra la gorĝ' ĝi sinkas**
**Stomako-fund' direkte!**

VORTKLARIGOJ POR ĈI TIU
POEMA PAĜO TROVIĜAS
SUR PAĜO 29.

Fiŝon kaptas urso
Ĝi mordas kun avido
Malegala la konkurso
— Goliato kaj Davido!

Plano en fiŝ-kap'
Estas ege ruza
Cele al eskap'
Per agit' konfuza.

Ĝi movos sin fleks-treme
Se urs' atakas kapte
Kaj strebos tro ekstreme
Ĝi — enakviĝos bapte!



# BESTOJN NUTRI PERMESITE

La parkejo estas plena. Felice aŭto for-veturanta cedas al mi parklokon. Homoj amase strebas al enirejo, multaj el ili kun plastaj aŭ ŝtofaj sakoj enmane, pli aŭ malpli plenaj. Nigra skribaĵo sur blanka tabulo indikas, kio troviĝas malantaŭ la fera pordo: **BESTO-ĜARDENO**. Jes, besto-ĝardeno, sed ne tia kun luksaj, ekzotikaj bestoj, zorge flegendaj. Preskaŭ nur simplaj regionaj bestoj vivas en ĝi; tiuj, kiuj iam apartenis al la kamparanaj bienetoj, kiujn la apudaj urbanoj nun preskaŭ ne plu konas. Pro tio: **ENIRO SENKOSTA**. Tre bone. Pedagogia afero. Kaj la homoj venas, inter ili multaj gepatroj kun siaj infanoj. Tuj post la enirejo troviĝas granda tabulo kun la indiko:

**ESTAS MALPERMESITE NUTRI LA BESTOJN.**
**BONVOLU METI VIAJN KUN-PORTITAJN**
**NUTRAĴOJN EN TIUN ĈI LIGNAN KESTON.**

Al la infanoj ne plaĉas tiu ĉi averto. Mem ili volas nutri la bestojn. Tamen obe-eme ili elverŝas siajn sakojn. Pano-pecoj grandaj kaj malgrandaj, blankaj kaj nigraj, freŝaj kaj sekaj, eĉ ŝimaj, sed ankaŭ restoj de kukoj kaj dolĉaĵoj falas en la grandan ujon. Ruza infano provas reteni bulketon, sed la patro per konvinkaj vortoj sukcesas, ke ĝi remetu ankaŭ tiun ĉi lastan pecon.

Gaje la homoj sekvas la indikitajn vojojn, ĝojaj pro la por-tempa eskapo de la urbo, finfine en freŝa aero. La infanoj streĉe esploras la ĉirkaŭaĵon. Jen la unuaj bestoj: Kapreoloj, jam alkutimiĝintaj al vizitantoj, trankvile pastiĝas tuj apud la vojeto. Sen-time ili rigardas, eĉ atendas nutraĵon. En malgranda lageto multaj akvo-birdoj sentas sin hejme. Insulo kun arbustoj ofertas al la pli timemaj birdoj retiriĝ-lokon. Du cikonioj kun siaj longaj kruroj promenadas digne laŭ la lageta bordo.

Infanoj kuraĝe karesas la bestojn proksimiĝantajn, rapide retirante la manon, kiam la besta lango inverse volas karesi la infanon. Tie ĉi ĉiuj bestoj vivas kvazaŭ en la naturo. La drat-barilo ĉirkaŭ la areo ne tre limigas ilin. Oni dorlotas ilin per nutrado kaj simplaj lignaj staloj. Nu, kompense ili devas akcepti la homan proksimecon. Sed evidente tio ne estas problemo.

Diversspecaj ĉevaloj kaj bovo-familioj disponas pri sufiĉe grandaj terenoj. Bizona familio iom enue staradas. La sovaĝaj porkoj vigle ĝuas la freŝan marĉon post plur-taga pluvado. De malproksime mi jam vidas salti kaprojn kaj kapridojn de ŝtono al ŝtono sur artefarita monteto. Kiel iam en bien-korto ili vivas cirkaŭataj de kokinoj, kokoj kaj leporoj. Alproksimiĝante mi legas sur granda sildo:

TIE ĈI NUTRI PERMESATE. TAGA KVANTO TROVIĜAS EN TIU ĈI KESTO. BONVOLU ŜPARI POR EBLIGI AL ALIAJ VIZITANTOJ ANKAŬ LA ĜOJON DE NUTRADO.

Mi malfermas la kovrilon de la ligna kesto. Estos plezurige doni al la kaproj, al la petolemaj kapridoj ion bongustan. Post la knara malfermo de la kesto ili jam scias, kio okazos. Ili staras grand-okule kaj atendas. Ne plu multo troviĝas en la ujo, estas jam malfrue en la tago. Kiam mi etendas la manon por kapti panpeceton, knabo ĉirkaŭ kvarjara venas al mia flanko. Certe ankaŭ li ŝatas nutri la kaprojn, mi pensas, kaj afable invitas lin servi sin. Li rigardas en la grandan ujon, elektas serioze. Subite li ek-kaptas pecon de seka Kristnaska kuketo kaj — grand-buŝe mem mordas en la neatenditan dolĉajon. Poste li forkuras, por ke neniu forprenu de li la bongustan trovitaĵon. Ne plu gravas la kaproj, ne plu la patro apude staranta. Ĉiuj ĉeestantoj ridegas. Ekscitite la patro post-kuras sian filon. Li hontas pro la homoj, krias al sia knabo: "Fi, fi, elkraĉu tion, elkraĉu la kuketon. Neniam faru tion denove!" Sed la fileto ne aŭskultas. Ĝoje li saltas kaj demordas pecon post peco, ĝis li estas



manĝinta la tutan kuketon, kion iu bonvola besto-amanto dediĉis al la bestoj de tiu ĉi parko. Kaj la frandemaj kaproj sen-komprene rigardas post li...

Denove mi troviĝas ĉe la elirejo, oni jam fermas la bestoĝardenon. Kun gajaj memoroj mi forlasas la besto-ĝardenon. Estis interesa posttagmezo. Kaj la homoj montriĝis almenaŭ same interesaj kiel la bestoj ...

RÖSSLER-BUCKEL Rita, Germanio

## VORTKLARIGOJ

cedi: doni
strebi: provi atingi
ekzotika: speciala, nekutima
flegenda: kiun oni devas bone prizorgi.
pedagogia: instrua
nutri -on: manĝigi -on
obeeme: sekvante ordonojn
ŝima: kun verda aĉa kreskaĵo, malboniĝanta
alkutimiĝinta: kiu jam kutimiĝis
paŝtiĝi: manĝadi herbon
retiriĝ-loko: sekura loko, kie homoj ne ĝenas
drat-barilo: barila farita el metalaj fadenoj
bizono: grandega malofta besto.
marĉo: akva grundo
petolema: ludema
knara: brua, kiel ĉe ne-oleumita pordo
honti: senti sin malkomforte kaj embarasite.
elkraĉi: forigi el la buŝo

## KONKURS-REZULTOJ

☆ La solvo de la subtraha enigmo en 95/1 estas: komenco, kon-emo, mekon, kome, mok', ok, o. Premioj al Artur Boci, Peshkopi, Albanio; la grupoj de s-inoj Boo Mee Kim-Lindblom, Haninge, Svedio kaj Agnes Sanislo, Novi Becej, Jugoslavio.
☆ Premioj por solvo de la samnumera krucenigmo iras al Thalita M. Morconth, Cristiane kaj Daniel P. de Oliveira, ĉiuj el la brazila ĉefurbo.

# MANĜA kruc-enigmo

***Nia krucenigmo rilatas al manĝoj. En ĝi estas ok-vorta kaŝ-frazo. Trovu ĝin, skribu ĝin sur poŝtkarto aŭ en letero kaj sendu ĝin al ni ĝis la 31a de oktobro 1995, kaj vi povos gajni valoran premion; vidu kaj elektu la eblecojn enigmo-fine!***

(R) = uzu nur la radikon, sen la finaĵo.

*HORIZONTALE*

1. Kun ŝato de lad-skatole trovebla fiŝeto.
8. Imago-plena, kreiva. (Utila kvalito dum kuirado!)
14. Interne.
15. La homo, kiu saltis el bano, kirante "Eŭreka!" (R)
16. Deziro, volo.
17. Frandem——o. Homo, kiu ŝatas frandi.
19. Manĝ—a. Valora je manĝado.
20. Sen akompano de aliaj (R)
22. Du kilogramoj —— rizo.
23. Apartenanta al vi kaj mi.
25. Tripo? Mi fuĝas —— —— (2+2)
26. Surstrata sur-rela veturilo. (R)
28. Nedifinitan personon.
29. Kerno-hava dolĉa frukto de dezerta palm-arbo. Ni plej ofte manĝas la sekigitan formon.
31. Postkuri por forigi. (R)
33. Plusa punkto. Bona kvalito. (R)
35. Promeni sen preciza celo. (R)
36. Vianda, fiŝa aŭ legoma manĝo, longe kuirita en spica saŭco.
38. Kun malgranda aĝo. (R)
39. Donas aŭ liveras al aliaj. Kelnero ——— gaston.
40. Kapablo aŭ lerto laŭte voki. (R: 3+3)
42. Ne forpreni aŭ tuŝi. (R)
43. La tago-parto, kiam la suno ne brilas.
45. Mal-venu!
48. Urbo-parto. (R)
52. Kio estas ———?
53. Herbeca planto, kies ruĝ-verda tigo estas manĝebla, kun multe da sukero. El ĝi oni povas fari marmeladon.
56. Anjo invitis Johanon. Ŝi invitis ——.
57. Faras ion aktivan.
59. Tiel estu kuirejo antaŭ la preparado de manĝoj.
60. Post-manĝe plena. (R)
61. Vegetar—o. Persono, kiu ne manĝas viandon.
63. Persona veturilo (R)
64. Inter la sepa kaj la naŭa.
66. Mi certas, —— vi ŝatos ĉi tiun manĝon.
67. Longa periodo en la historio. (R)
69. Malgranda plata objekto, kiu povas teni manĝon. (R)
70. Baza manĝo farita el tritiko. (R)
72. Tempo-periodo, ekzemple meze en teatraĵo. (R)
73. Aparato per kiu oni povas rosti panon.

*VERTIKALE*

1. Grand-kvanta. Pli ol sufiĉa. *(Unua kaŝfraza vorto)*
2. Oni ĉiam bone manĝas —— Ĵak!
3. Akvo-leviĝo ĉe la plaĝo. (R)

4. Esprimo uzebla, se via bakaĵo malsukcesas.
5. Nutro-sesio. *(Dua vorto de la kaŝfrazo)*
6. Bruli je entuziasmo.
7. Kun granda malcerteco, eĉ danĝero, pri la rezulto. (R)
8. Ĝoja kunveno (R). *(Tria vorto de la kaŝfrazo)*
9. Amega.
10. Varma trinkaĵo farita el folioj. (R)
11. Pli ol ŝato.
12. "Kuirado – de A ĝis —.
13. Okazaĵo, evento, kunveno. *(Kaŝfraza kvara vorto)*
18. Tiu kuir-libro apartenas al Georgo, ĝi estas ——.
19. Iumaniere.
21. Vi devas —— viajn manojn antaŭ ol kuiri. (R)
22. Post la unua, sed antaŭ la tria.
24. Vi bezonas tion por boligi manĝaĵon. (R)
25. Rilata al procezoj, kiuj okazas en via stomako. *(Kvina vorto de la kaŝfrazo)*
27. Rilate al beroj, kiuj aperas en la kvina monato. (3+4)
28. Internaciaj Televidaj Novaĵoj (Mallonge).
30. Kolekto de objektoj, el kiuj oni povas trinki ion. (R)
31. "Bonvolu doni la salon!" La salo estas ——a.
32. Batalo, forta strebo. *(Sesa vorto de la kaŝfrazo)*
34. Manĝiga.
36. Besto, kies malantaŭajn krurojn oni manĝas en la franca kuir-arto. (R)
37. Tre valora metalo.
41. Laŭdi. Saluti. Diri, ke io aŭ iu estas tre bona.
42. Tio, kio troviĝas sur la dorso de ŝafo. (R)
44. Deziro miksi kuiratan manĝaĵon, ke ĝi ne brulu. (R)
46. Granda arbara besto — estis tri en fabelo. (R)
47. Vitra tenilo por trinkaĵoj.
49. "Botelo da ——', mi amas ——." (linio el kanto)
50. Vigla, faranta ion.
51. Faranta multe da bruo. *(Sepa vorto de la kaŝfrazo)*
53. Brua eligo de gaso tra la buŝo post tro rapida manĝado. *(Lasta vorto de la kaŝfrazo)*
54. Grupa.
55. Kuiri en forno. (R)
58. "Brilu, brilu, eta ——"
59. Persono, kiu verkas versojn. (R)
62. Ege multe. "Vi kuiras —— bone!"
65. Kuirilo, ujo, kun malpli altaj flankoj ol poto. (R).
67. Sufikso, kiu signifas 'malgranda'.
68. Sufikso, kiu signifas 'grupo'.
70. Post-skribo (mallonge)
71. Vi kaj mi.

Sendu la kaŝfrazon al ni ĝis la 31a de okt. 1995. Se vi faros tion, aŭ respondos iujn ajn el la konkursoj en ĉi tiu numero, vi rajtas indiki samtempe, kiun premion vi preferas ricevi. Ilin ni ofertas kunlabore kun IIEA. De la unua titolo ni lotumos unu ekz., de la aliaj po kelkaj:

- *Trezoro: La Esperanta Novelarto* 1887-1986. 948p. Firme bindita.
- *Amuza legolibro en Esperanto* (Lienhardt)
- *Johano la Brava* plus *La faraono* (bildstrio)
- Kompletoj de *Tendaraj tagoj* kaj *Esperanto por ni* (Mikulas).

# Deziras korespondi...

## Bulgario

✉ Irina Kalĉeva, str. Hr. Maksimov 56 G, BG-1111 Sofia; lernantino; lernas ankaŭ la anglan, dez. kor. kun 13-15-jaraj gejunuloj el ĉiuj landoj.

## Hungario

✉ Berencsi Norbert, pf. 18. HU-3502 Miskolc; 16-jara knabo; ŝatas legi, aŭskulti muzikon, ekskursi, dez. kor. kun similaĝa junul(in)o el la tuta mondo.

## Jugoslavio

✉ Du E-grupoj (11-14-jaruloj) dez. kor. tutmonde. Bezonatas esperantaĵoj por lerneja ekspozicio. Sekvos respondoj. Skribu al la instruistino: F-ino Agnes Sanislo, ul. Sonja Marinkovic 1.YU-23272 Novi Beĉej; tel.: 23-771-350

## Latvio

✉ Dztle Briede, p.k. 2 (Indrani) Kronauce, LA-3720 Dobeles raj. komencantino, orfino, kol. pk, anekdotojn, dez. kor. kun 13-18-jaruloj tutmonde, precipe el Kartvelio, Ĉilio, Hindio, Israelo; atendas tujan korespondproponon.

## Litovio

✉ Gelernantoj 12-14-jaraj dez. kor. kun gelernantoj diverslandaj pri ĉiuj temoj. Skribu al: Esperanto-Klubo, v. Kreves pr. 50. LT-3042 Kaunas.

✉ Kvin 15-jaraj esperantistinoj el sama urbo dez. kor. kun samaĝaj alilandanoj; ŝatas kanti kaj deklami, volas partopreni en E-agado. Edita Motiejunaité , Draugystés 18-8, LT-4520 Marijampolé. Aušra Drezbaité, Kauno 78-33, LT-4520 Marijampolé. Neringa Iškauskaité, Kauno 74-44, LT-4520 Marijampolé. Vaida Grigaraviciuté, Pieterio 35, LT-4520 Marijampolé. Dalia Liolyté, Kauno 92-31, LT-4520 Marijampolé

✉ El sama urbo samaĝaj gekomencantoj serĉas korespondamikojn (unua estas knabino, la aliaj knaboj) Donata Vizbaraité, Kauno 107-48, LT-4520 Marijampolé. Andrius Olisko, Kauno 107-78, LT-4520 Marijampolé. Vytautas Gricius, J. Ambrazeviciaus-Brazaicio 21-53, LT-4520 Marijampolé.

## Rusio

✉ 8 geknaboj el sama Siberia urbo dez. kor. kun samaĝuloj el la tuta mondo pĉt.: Buĥtojárov Sergeo, RU-625048 Tjumeno, str. Malýgina 5-219.; 17-jara knabo, sperta esperantisto.

✉ Buĥtojárova Olga (sama adreso), 12-jara komencantino.

✉ Safónova Olga, RU-625048 Tjumeno, Malýgina 5-16.; 12-jara komencantino

✉ Suvórkov Nikolao, RU-625037 Tjumeno, str. Belínskogo 1A-50.; 12-jara knabo, komencanto.

✉ Moiséjev Eŭgeno, RU-625037 Tjumeno, str. Tavriĉeskaja 6-118.; 12-jara knabo, komencanto.

✉ Sávĉenkova Veroníka, RU-65062 Tjumeno, str. Melnikajte 126-31; 16-jara knabino, komencantino.

✉ Krópĉev Romano, RU-625048 Tjumeno, str. Ĥarjkovskaja 48-244; 17-jara knabo, progresanto.

✉ Ŝugajev Romano, RU-625050 Tjumeno, str. Sadóvaja 117-44; 15-jara knabo, progresanto.

**Ni aperigas korespondpetojn de junuloj kaj instruistoj senpage; bv. skribi la peton kaj adreson tre klare, prefere sur aparta paperpeco. Kaj nepre respondu al ĉiuj, kiuj skribas al vi!**

## GOGO KAJ AMIKOJ de MARTIN WEICHERT




## Korespondu kun usonaj junuloj!

*Instruistoj de Esperanto en publikaj usonaj elementaj lernejoj, kiuj invitas korespondadon kun siaj lernantoj:*

S-ino Darlene ARCHER, 311 S. Mesquite Trail, Memphis, TX 79245
S-ino Lorraine BOUCHARD, 13727 Ella Lee Lane, Houston, TX 77077
S-ino Rarbara DUNN, 14809 Reserve Rd., Accokeek, MD 20607
S-ro Thomas GERLEMAN, 2219 Bollman Dr., 2D, Sheboygan, WI 53081
S-ino Suzette GRANGER*, 921 Chancellor, SW, Leesburg, VA 22075
S-ro Rudolf HINKE, 44 S. Wisconsin, Addison, IL 60101
S-ro Thomas KLOECKER, 3024 W. Parnell, #2, Milwaukee, WI 53221 *
S-ino Patricia KUEHNEL, 11917 Fallen Holly Ct., Great Falls, VA 22066
S-ino Adrienne LE DREE, 13100 S. Rhodes, Chicago, IL 60627
S-ino Gay LOUIS*, 1911 Bulkthorn Ln., Reston, VA 22091
S-ino Gail MARTIN*, 1103 Sharon Ct., McLean, VA 22101
S-ino Martha MOSELEY, Box 228, E. Middlebury, VT 05740
S-ino Mary K. MILLS, Box 1207, Ft. Stockton, TX 79737
S-ino Rhonda NELSON, 502 Countryside Rd., Junction City, KS 66441
S-ino Kathy RAY, 5565 Meadow Sweet Ln., Shawnee Mission, KS 66226

* - nur part-jara instruado.

Sendis mar. 1995: Kent JONES, Apartment D-6, 5048 Nth Marine Drive, Chicago, Illinois 60640, tel.: 13121 271-8673. Komisiito por klerigo, Esperanto-Ligo por Nord-Ameriko (ELNA).

# LA NEĜO KAJ LA GALANTO

**rumana popola legendo**

Kiam Dio kreis ĉiujn surteraĵojn — herbon, plantojn, florojn — li ĉiujn ornamis per belaj koloroj. Farinte la neĝon li diris: "Vi mem serĉu vian ŝatatan koloron, ĉar vi ĉien vojaĝos!"

Tiam la neĝo iris al la herbo kaj diris: "Donu ankaŭ al mi el via bela, verda koloro!"



Sed la herbo rifuzis. La neĝo poste petis la rozon doni al ĝi iom el sia brila, ruĝa koloro. Sed ankaŭ la rozo rifuzis. Bluetan koloron ĝi petis de la violo kaj flavan koloron de la helianto. Sed neniu plenumis la peton de la neĝo.

Malfeliĉa kaj malĝoja la neĝo alvenis ĉe la galanto kaj al ĝi plendante diris: "Neniu volas doni al mi el sia koloro. Ĉiuj forpelas kaj primokas min."

Kortuŝite pri la sorto de la neĝo la galanto kompate diris: "Se plaĉas al vi mia blanka koloro, mi plezure dividos ĝin kun vi."

La neĝo danke ricevis la donacon kaj ekde tiam ĝi portas la blankan vestaĵon de la galanto. Kiel rekompenco, la neĝo permesas al la galanto elmontri sian kapeton frue kiam printempo ekvenas.

*Tradukis el la rumana Ionel ONET*

En numero 95/1 sube sur paĝo 21 ni starigis malfacilan demandon pri diraĵo aŭ cito: "Mi ne povas promesi al vi, ke jam alvenas la fino. Eĉ ne venis la komenco de la fino. Sed eble ni ĵus atingis... la finon de la komenco." Tiujn vortojn diris la brita ĉefministro Sir Winston Churchill, meze en la dua mond-milito, tuj post la Batalo de Britio en 1942, kiam la brita aer-armeo sukcese defendis la landon de aer-atakoj.

Pri li kaj trinkado estas anekdoto, kiu montras lian lerte uzeblan humur-senton. Parlamentanino, verŝajne post la milito, forte malaprobis liajn ideojn kaj regadon. Ŝi proklamis dum parlamenta debato: "Se mi estus via edzino, mi verŝus venenon en vian kafon!" Je tio, Chruchill tuj respondis: "Sinjorino, se vi estus mia edzino — mi trinkus ĝin!"

Kaj jen nova cito-enigmo por vi, pri manĝoj. Kiu, kie kaj kiam petis, "Bonvolu, sinjoro, ĉu mi rajtas iom pli?" ... kaj kio okazis rezulte de tio?

*Respondo en la venonta numero.*

## Kie trovi pli da tekstoj pri manĝoj?

- *Lanterno Azia*, nova gazeto el Koreio, aperigis en la numero de januaro 1995 dialogojn pri manĝado, represita el *Brita Esperantisto*.
- *Tendaraj tagoj*, kajero 1, ĉ. 3, 5, 7, 13, 21, 22 kaj 25. Simplaj ekzercoj.
- *Tendaraj tagoj*, kajero 3, ĉ. 66 (kuira recepto de Iŝtvano)
- *Kunvojaĝu*, de P. Gubbins, ĉ. 9 'Ĉe la Verda Stelo' (drinkejo, manĝejo)

## Novaj lerniloj en Esperanto

Numero 94/4 de *Internacia Pedagogia Revuo*, kiu aperis nur lastatempe, prezentas multajn novajn esperant-lingvajn lernilojn, per detalaj priskriboj, recenzoj, ekzemplaj tekstoj. Tiuj inkluzivas la bonegan *Ludu kun ni* de s-ino Elizabeto Vilisics-Formaggio por 7- ĝis 10-jaruloj, *Tendaraj tagoj* por 10- ĝis 14-jaruloj kaj *Kunvojaĝu* por 15- ĝis 115-jaruloj. Ankaŭ la bild-vortaro *Mil unuaj vortoj en Esperanto* de Heather Amery. Skribu al la kasisto de ILEI (adreso p. 2) por aboni *IPR* aŭ mendi tiun numeron aparte. Sub nova redaktoro *IPR* rekaptis sian ritmon, kaj daŭre servas niajn instruistojn.

*Ruslanda Esperantisto,* sendependa ĉiumonata gazeto kun novaĵoj, lingvaj kaj literaturaj rubrikoj, kalendaroj, leterkesto kaj konkursoj. Petu specimenon kun abon-detaloj de RE, p.k. 67, RU-620077 Jekaterinburg, Rusio.

*Eventoj* havas regulan rubrikon de ILEI por informi instruistojn pri freŝaj novaĵoj de la Ligo kaj el la eduka mondo. Abonu kaj informiĝu du-semajne.

La 92-jara s-ino Idyss Einihovici instruis Esperanton al skoltoj en ĵamboreo ĉe Perry Lakes en Aŭstralio, kie partoprenis 12,500 skoltoj, kaj arigis petskribon favoran al Esperanto kun 1252 subskriboj.

## NIAJ TEMOJ 1996

Tiujn ni anoncos en la sekva numero de *Juna amiko*. Do, estas via lasta okazo skribi al ni, kiujn temojn ni esploru! Ni preferas aktivajn verbajn temojn! Kelkajn ideojn ni jam ricevis, aldonu viajn nun!

## ABONO-PREZOJ 1996

Ankaŭ tiujn ni anoncos en numero 95'/3, kaj ekde la 30a de septembro ili ekvalidos! Ni antaŭvidas, ke ili iom altiĝos en guldenoj, kaj certe pli en aliaj valutoj. La decidon ni faros en la konferenco de ILEI en Finnlando komence de aŭgusto. Ni decidos same ĉu aldoni kvar ekstrajn paĝojn por "Infanoj Ĉirkaŭ la Mondo" sen perdi paĝojn por ali-aĝuloj. Ni tuj informos perantojn.

La kasisto de ILEI kaj la plimulto de niaj perantoj pretas jam nun akcepti viajn abonojn por 1996, je la nuna prezo. Kaptu la okazon!

Ni ricevis peton oferti abonojn laŭ lernejaj jaroj. Do, ni proponas 18-monatan abonon ekde numero 95/3 (kiu koincidas kun la nova nord-hemisfera lerneja jaro) ĝis la fino de 1996, por la 1,5-oblo de la abonprezo de 1995. Unue kontrolu, ĉu via enlanda peranto pretas akcepti tian pagon. Se ne, bv. rekte kontakti la kasiston de ILEI!

La kolora bildstria libro "Asteriks la gladiatoro" evidente estas populara. Ĝin oni presis en mil ekzempleroj, kaj ĝi jam elĉerpiĝis. Atendu do el Kroatio la sekvan titolon en la serio, en kiu Malmuziks ne terurigos la leonojn en la romia cirko!

*KTP* nomiĝas la dulingva gazeto de la usona TEJO-sekcio USEJ. Petu specimenon de USEJ, 624 Second St, Lancaster, PA 17603-5114 Usono.

*Vizito en zoologia ĝardeno, kie la bestoj parolas Esperanton* estas 32-paĝa fote ilustrita libro pri besto-ĝardenaj loĝantoj, en Esperanto kaj la bretona. Prezo: 40 FRF, Mendu de: Mesidou, 40 bis, ru ar Republik, FR-29200 Brest, Francio.

KLARIGOJ POR VORTOJ EL LA POEMOJ SUR PAĜO 18.

*TRIKAJ VORTKLARIGOJ*

forno: kuireja varmigilo
elani: vigli, entuziasmi
avari: ŝpari, ne elspezi
taksi: juĝi, decidi
striki: rifuzi pli labori (manĝi!)
veŝto: sub-ĉemizo
triki: pretigi per plektado de lano (aŭ ĉi-kaze spagetoj!)

*PIZAJ VORT-KLARIGOJ*

maĉi: manĝii per la dentoj.
groteska: tre malbona
sinki: suben iri
fundo: malsupro

*URSAJ VORT-KLARIGOJ*

avido: granda deziro
agiti: moviĝi subite tien-reen
fleks-treme: ne rigide, oscile.
bapto: en-akviga religia rito.

# Vitaminoj en fruktoj

Ni manĝas kaj trinkas por vivi. Sen akvo ni mortos ene de unu aŭ du tagoj. Sen manĝaĵoj certe ene de semajno. Manĝaĵoj enhavas proteinojn, grasojn, vitaminojn, fibrojn kaj karbon-hidratojn (substancoj faritaj el karbono, hidrogeno kaj oksigeno kun la kemiaj simboloj C, H kaj O).

Ĉiujn ni bezonas. Vitaminoj helpas al ni resti sanaj. Ili troviĝas multe en fruktoj kaj legomoj. Sube vidu tabelon, kiu montras, kiom da vitaminoj B1, B2 kaj C, karoteno kaj kalio troviĝas en popularaj fruktoj.

| | | B1 VITAMINO | B2 VITAMINO | C VITAMINO | KAROTENO | KALIO |
|---|---|---|---|---|---|---|
| POMO |  | OO | OO | O | O | OO |
| ĈERIZO |  | O | O | OO | O | OOO |
| JUGLANDO |  | (10)(10) | OOO OO | O | O | (10)(10)(10) |
| FRAGO |  | OD | OOO | OOOO OOOO | | OO |
| PIRO |  | OD | OD | O | O | OO |
| FRAMBO |  | O | OD | OOO OOO | OO | OOO |
| ACIDA ĈERIZO |  | OO | O | OO | OOO OOO | OOO |
| NUKSO |  | (10)(10) | (10)OOO (10)OO | O | O | (10) |
| ABRIKOTO |  | O | O | O | OOO OOO OO | OOO |
| BEROJ |  | OO | OD | OOO OOO | O | OOO OO |
| PERSIKO |  | O | OD | OO | (10)(10)(10) OOOOOO | OO OO |
| PRUNO |  | OO | O | O | OOO O | OO OO |
| VINBERO |  | OOD | OOD | O | OOO OO | OOO |

desegnis *Esperantina Mirska*

En la tabelo eta cirklo indikas unu mezuron. Pli granda cirklo kun '10' ene signifas dek mezurojn. Ekz.: la kvanto de karoteno en persikoj estas:


= 36 mezuroj, do ege multe.

En la suba tabelo ni informas pri la vitaminoj. Ilin oni nomas laŭ literoj. Maldekstre legu pri la utilo — kion bonan ili faras por ni. Dekstre pri la fonto — de kiuj manĝaĵoj vi povas ricevi multe da tiuj vitaminoj.

Fruaj maristoj dum longaj vojaĝoj ofte suferis je iuj malsanoj, ekz. skorbuto. Nur kelkaj ŝipestroj, ekz. Kapitano *Cook*, rimarkis, ke manĝado de freŝaj fruktoj malhelpis tion, kaj devigis citron-manĝadon al ĉiu. Tial anglaj maristoj ricevis la mok-nomon *limeys*. (limonuloj). En tiu tempo oni nenion pri vitaminoj sciis — nur saĝuloj rimarkis la efikon.

Por manĝi sane, varia dieto gravas! Bonan apetiton!

| Utilo | Vitamino | Fonto |
|---|---|---|
| Bona por okuloj kaj la haŭto | A | Fiŝoj, hepato, ovo-flavo. Karoteno en legomoj kaj fruktoj estas konstrua parto de Vitamino A |
| Defendas la nervosistemon kaj faciligas digestadon; estas kelkaj B-vitaminoj (B1, B2 ktp.) | B | Viando, hepato, fiŝoj, laktaĵoj, ovoj, gisto, pizoj, faboj, cerealosemoj, legomoj, fruktoj. |
| Defendas kontraŭ malsanoj, ekz.malvarmumoj. | C | Fruktoj (oranĝoj, citronoj, riboj, kivi-fruktoj, kukurboj, kapsikoj. |
| Fortigas la ostojn | D | Hepato, ovoj, lakto, sardeloj, fungoj, sunlumo helpas al niaj korpoj uzi la vitaminon utile. |
| Helpas konservi vin juna, amiko! | E | Plantoj, oleoj, tritik-ĝermoj, migdaloj, aveloj, sojfaboj meleagra viando. |
| Helpas la sangon haltigi la propran elfluadon. | K | Brasiko, florbrasiko, laktuko |

Enlanda prezo: 45 HUF (60 kun livero)




desegnis: Pavel Rak.

## Respondu kaj diskutu!

Ĉu vi ofte manĝas en restoracioj?
Ĉu vi havas grandan apetiton?
Kiajn manĝojn vi plej ŝatas? ...malŝatas?
Kiujn manĝaĵojn ĝenerale ŝatas infanoj?
Ĉu vi ŝatas kuiri? Ĉu vi kapablas kuiri?
Kion vi plej bone kuiras? Ĉu viaj familianoj volonte manĝas viajn kuiraĵojn?

Diskutu en grupoj. Planu por la grupo perfektan menuon por la sekva semajno! Poste ĉiu grupo raportu al la tuta klaso. Kiu kreis la plej bonan menuon? Kombinu viajn ideojn por krei eĉ pli perfektan menuon! Sendu ĝin al ni!

**ilei**

**Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj**